Kajeroj — el la Sudo


BULTENO DE HISPANA ASOCIO DE LABORISTOJ ESPERANTISTAJ (HALE)

Sidejo: Strato Sol, 75. E-41003 SEVILLA. (Hispanio).
Prezidanto: Manuel López Hernández
Sekretario: Francisco A. Antúnez Romero

Kasisto: Alberto Franco Ramirez
C/ Sol, 83-85
41003-SEVILLA. Hispanio.

**Redaktoroj de la bulteno:**

**Antonio Marco Botella**
**Av.Compromiso de Caspe, 27/29.- 9ª. C.**
**50002-ZARAGOZA. (Hispanio).**
***

**Miguel Fernández Martín**
**C/Santa Genoveva, 58.-6ª.C.**
**28017-MADRID. (Hispanio).**

Kovrilo: Ĉe la Persa Golfo kormoranoj agonias.

Enhavo:

La agonio de kormoranoj . . . . . . . . . . . . . . . . . 3/4 Pĝ.
Trista nekrologo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 5 "
Laboro por eksterlandanoj . . . . . . . . . . . . . . . 6 "
In memoriam: Maria Zambrano . . . . . . . . . . . . . 7/8 "
Legindaj rakontoj . . . . . . . . . . . . . . . . . . 9 "
Kaj la milito pluas . . . . . . . . . . . . . . . . . 10/11 "
Bonvolu ridi...sed ne tro . . . . . . . . . . . . . . 12/13 "
A.Barea, verkisto de la ekzilo . . . . . . . . . . . . 14/15/16 "
Administra angulo . . . . . . . . . . . . . . . . . . 17 "
La Movado en kaj ekster Iberio . . . . . . . . . . . . 18 "
El la hispana klasika beletro: F. de Herrera . . . . . 19/20 "
Leteroj el niaj legantoj . . . . . . . . . . . . . . 21 "
Prihistoria klarigo . . . . . . . . . . . . . . . . . 22 "
Lirikaj Paĝoj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 23 "

**NOTO:Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.**

# LA AGONIO DE KORMORANOJ

*Oni diras, ke "unu bildo efikas pli ol mil vortoj", kaj tiu diro montriĝas en la realo vera, ĉar la bildo sur nia kovrilo, montranta la agonion de kormorano, estas tiel korprema kaj okulfrape drama, ke ĝi, en kelkaj horoj trakuris la mondon sur la paĝoj de gazetoj kaj ĵurnaloj emociigante milojn, milionojn da koroj, kiuj vidis en la ekmortanta naĝbirdo katastrofon ankoraŭ pli teruran ol la morto de miloj da homoj: la morton de nia tuta ekologia sistemo, kio signifas la pereon de ĉiuj estaĵoj sur la tero.*



*La patosa bildo de tiu agonianta kormorano, tiamaniere kortuŝis la homojn, ke la registaroj de la aliancitaj nacioj batalantaj ĉe la Persa Golfo rekomendis al la redakcioj de la grandaj ĵurnaloj kaj informagentejoj ne tro disvastigi tiun bildon, kiu tiel profunde vundas la sentivecon de la civitanoj. Ĝi grafike anoncas veran katastrofon sur nia planedo!.*

*Sed, kiu abomeninda krimulo ordonis tian masakron? Iun tagon ni ellitiĝis kaj surprizitaj legis la novaĵon: la tirano de Bagdado ordonis verŝi en la maron de la Persa Golfo milojn da tunoj da nafto, laŭdire "por eviti permaran invadon de sia teritorio". Kaj fiŝoj kaj naĝbirdoj mortis po miloj. Estis ja grava terorisma agreso kontraŭ la vivo en tiu regiono! Kompreneble, neniam mankas al la tiranoj de la terglobo preteksto por pravigi ĉiun el siaj masakroj, kaj freŝaj ankoraŭ en nia memoro restas: la invado de Granado, aŭ Panamo, la murdo de centoj da virinoj kaj infanoj en rifuĝejo de Bagdado, kaj aliaj sennombraj amasbuĉadoj triste famaj.Ne, pretekstoj neniam mankas al la tiranoj, sed en tiu ĉi kazo ni konstatu, ke tiu ne estas la sola "heroaĵo" de la iraka diktatoro, kies "curriculum vitae" povus ruĝigi eĉ la plej grandan senhontulon: li estis ateisma, kiam li batalis kontraŭ Irano kaj fervora diadoranto instiganta al la sankta milito, kiam li luktis kontraŭ Usono; indiferenta pri la palestina kaj arabisma kaŭzoj kaj kelkajn jarojn poste porpalestina ĉampiono kaj fanatika lidero pornarabisma; murdisto de sia propra popolo devigante ĝin batali kaj morti dum ok sinsekvaj jaroj en militaventuro, kiun li nun ripetas per nova agreso al emirlando; perĥemiaĵa mortiganto de irananoj, kurdoj aŭ ne gravas*

*kiu, se tio taŭgas por liaj personaj ambicioj... Kia "honoro", kia nova "medalo" mankis al tiu histriono por ornami sian bruston? Eble nur tiu de ekologia murdisto provanta venenigi la akvon de la Persa Golfo...*

*Kaj miloj da estaĵoj mortis neripareble en la makabra eksperimento!*

*Ankaŭ la kormorano de nia bildo emociiginte la homaron!*

*Ĉu eble tiom da krimoj pravigas militon? Ne, etike ekzistas neniu justa milito, des pli se ĝi kuntrenas naftan odoron... Sed la negoco estas ja la negoco, kaj kelkaj nacioj ŝub la ŝildo de Unuiĝintaj Nacioj iris ĝis la sekaj teroj de Arabio por restarigi la "internacian juron" rompitan de la iraka diktatoro...*

*sed ankaŭ kaj precipe allogitaj de la naftodoro. Ankoraŭ pli malfeliĉe, ĉar tiuj armeoj sin prezentis sub la lidera gvido de Usono, la "ĝendarmo de Okcidento", preta solvi ĉiujn problemojn de la mondo, bedaŭrinde ne laŭjure aŭ laŭjuste, sed klopodante ke la pesilo kliniĝu favore al la propraj interesoj. Kaj se ni iom malantaŭen rigardas, ni tuj konstatos veran rozarion da agresoj de tiu "ĉampiono de la justeco" ne facile pardoneblaj: Vjetnamo, Ĉilio, Granado, Panamo, ktp. Temas pri lando, kiu alnomas la dudek sud-amerikajn landojn "mia korto" kaj kun tiu arbitra rajto disponas pri la destino kaj la riĉaĵoj de tiuj popoloj fakte sklavigitaj kaj vivantaj en absoluta mizero...*

*Nun, kiam jam la batalo ĉe la Persa Golfo finiĝis kaj miloj da mortintoj restas sur la dezerto, ankoraŭ neenterigitaj, sub la brila suno arabia, naŭzas jam aŭdi paroli pri la distribuo de la "bongusta torto" inter la negocistoj de la venkintaj nacioj, aŭ pri la monstraj profitoj de la negocistoj pri nafto. Kun doloro ni povas jam nin demandi, kio fariĝis el tiom da idealoj alvokitaj, el tiom da maljustoj korektendaj, el la brila aranĝo kaj pacigo de la regiono, ĉar la nepotismaj aŭtoritatoj de Kuvajtio kaj Saŭdi-Arabio jam reokupas siajn postenojn, la tirano de Bagdado restas en la sia, la fanatika Ŝamir eĉ ne volas aŭdi pri eventuala solvo de la palestina problemo, ktp. Kiu estu la konkludo*



*pri tiu milito? Nekontesteble aperas la respondo: absurdas la okazigo de tiu milito! Falsas la frazoj pri kuraĝo, patrio, "internacia juro", sankta milito, ktp. post la morto de miloj da soldatoj kaj civitanoj...*

*La tuta regiono restas senstabila kaj plena je ruinoj.*

*Kaj malsato, mizero, morto kaj malamo regas en ĉiu angulo de Irako, Kuvajtio, Saúdi-Arabio, en ĉiuj scenejoj de la konflikto. Tiu estas la bilanco desperiga, kiun oni perceptas post la abomena milito...*

*Dume, la vulturoj ĉirkaúflugas super la dezerto kaj la kormoranoj kun siaj fratoj agonias sur la strandoj de la Persa Golfo.*

*La Redakcio.*

****** ****** ******

# Nekrologo

Seviljo.- La pasintan 16an de Januaro 1991 forpasis en tiu ĉi urbo nia k-do Tomás Caspe Cereijo (nº 32265 de SAT).

Li naskiĝis en Madrido antaú 79 jaroj, kie li lernis Esperanton antaú la intercivitana hispana milito, kiun li travivis intense kiel kapitano de la respublika armeo. Socialisto dum sia tuta vivo, li estis konstanta batalanto kontraú la faŝismo. Post tiu milito li estis enkarcerigita kaj mortkondamnita, tamen feliĉe li povis fuĝi kaj iri de Madrido al Seviljo, kie li pasigis la reston de sia vivo sub falsa nomo (Antolin, kiel li estis konata), por eviti la policon.

En Seviljo li fondis la Akademion Seviljan de Esperanto kaj prezidis Sevilja Esperanto-Asocion. Krom al SAT, li ankaú apartenis al nia Asocio (HALE), kie li rolis ĝis antaú nelonge kiel kasisto.

Oni povas aserti, ke sen li, la esperantistoj en Seviljo restas orfoj de tiu, kiu tiel sindoneme plendediĉis sin al Esperanto kaj Socialismo. Tial ni memoras lin kun granda emocio kaj kun liaj seviljaj kolegoj, HALE tutkore omaĝas lin!

****** ****** ******

ADMINISTRA ANGULO.- Ni atentigas niajn eksterlandajn abonantojn, kiuj ankoraú ne pagis la abonkotizon, ke ni ne plu sendos al ili nian revuon "Kajeroj" se ili ne pagas ĝin dum la unuaj monatoj de 1991 aú antaúavertas nin pri eventuala prokrasto. La jarkotizo ankoraú estas 800 Ptoj.



# Laboro por eksterlandanoj

Fremduloj povas labori en Hispanio. La organa leĝo (1) 7/85 de 1ª de Julio, ("Leĝo pri rajtoj kaj liberoj de fremduloj en Hispanio") en sia IIIª titolo (nomata "pri laboro kaj enlokigo") starigas ĉion rilatan al laboro.

Principe, la leĝo havas kiel startpunkton la jenan postulon: la fremdulo akiru al si kaj rezid- kaj labor-permeson samtempe. Ambaŭ permesoj validas en la sama daŭro: kvin jaroj, sed estas donataj de malsamaj ministerioj: rezidpermesojn donas la Ministerio pri Internaj Aferoj, laborpermesojn la Ministerio pri Laboro kaj Sociala Asekuro.

La leĝo starigas sceptojn por aljuĝi laborpermesojn al profesoroj, sciencistoj kaj teknikistoj invititaj aŭ kontrakte dungitaj por labori en Hispanio; al la civila aŭ militista personaro de eksterlandaj administracioj; al la raportistoj de la amaskomunikiloj; al la pastroj de la diversaj religioj aŭ kredoj; al la artistoj venantaj Hispanion; al la personoj devenantaj el la urbo Ĝibraltaro.

La aljuĝon de la laborpermeso kondiĉas tio, ke la petanto prezentu skribe laborkontrakton aŭ povu pravigi dokumente formalan pridungan sindevigon fare de la entrepreno celanta dungi lin. Se por labori necesas ia speciala diplomiteco, (ekzemple medicina) nepras submeti la koncernan diplomon al homologado (2) samkiel aparteni al la koncerna korporacio (niaekzemple, al la kuracista korporacio).

Supoze, ke temas ne pri dungiĝo ĉe hispanoj, sed pri la intenco fariĝi entreprenisto, la interesato devas pruvi, ke li petis la rajtigojn postulatajn de la leĝaro valida por la nacianoj. Tial, ke la merkato pri laborforto estas nestabila, kio implicas, ke ne ĉiam eblas la plena dungiĝado (kiel efektive okazas en la nuna situacio), la administracio, rajtigite de la leĝo, ekzamenas la jenajn cirkonstancojn por la aljuĝo de la laborpermeso:

a) ekzistadon de hispanaj laboristoj en senlaboreco kadre de la agado, kiun la petanto celas plenumi.
b) nesufiĉecon da hispana laborforto en la agado aŭ profesio kaj en la geografia areo, kie oni celas labori.
c) la reĝimon de reciprokeco regantan en la devena lando de la fremdulo.

La administracio povas malaprobi la aljuĝon de la laborpermeso. Tamen, se temas pri permeso por labori je sia propra konto, oni taksos favora la fakton, ke la aljuĝo povas sekvigi kreon de novaj laborpostenoj por hispanoj, investon aú alportadon de havaĵoj kapablaj plivigligi la nacian dungiĝadon aú plibonigi la laborkondiĉojn.

Lastloke, supoze, ke entreprenistoj postenigos fremdajn laboristojn ne atingintajn la koncernan laborpermeson, ili kulpos pri po unu malobeo por ĉiu fremda laboristo postenigita.

La puno havas la karakteron "tre grava".

Juan Antonio Cabezos
Advokato.

(1) Organa leĝo: Leĝo rekte fontanta el ŝtata Konstitucio kaj kontribuanta al ties plej perfekta plenumado kaj observado.

(2) Homologi: Oficiale kompari la gradon de kompetenteco aú taúgeco atribuitan de fremda instanco al individuo, agado, varo ks., kun ties homologa (responda) en la agadsfero de la komparanto, por aljuĝi al ili la rangon ĉi-sfere, laúe al difinitaj kriterioj. (N. de la R.).

****** ****** ******

# IN MEMORIAM: MARIA ZAMBRANO

La 6an de Februaro 1.991 forpasis tiu ĉi prifilozofia verkistino, unu el la mensoj plej privilegiaj el la hispanaj pensistoj dum la lastaj jardekoj.

Ŝi ekziliĝis en Januaro 1939, jam proksima la malvenko de la progresema maldekstrulain la intercivitana hispana milito (1936-1939), do ŝia intelekta aktivado malvolviĝis precipe laúlonge de tiu ekziliĝo .Jen kial la esenco de ŝia pensado, grandparte el ŝia verkaro, estis preskaú nekonata dum la nigra regado de la diktatoro Franco. Nur reduktita minoritato sufiĉe konis ĝin.

María·Zambrano sekvis la filozofian vojon de tiu alia granda pensisto kaj filozofo nomata José Ortega y Gasset, kiun ŝi tre ofte citas. Tamen, kvankam konsiderata lernantino de tiu dokta majstro, fakte ŝi havas proprajn opiniojn kaj tute sendependan penson, kiujn ŝi esprimis per multenombraj artikoloj kaj libroj publikigitaj kaj oftaj sciencistaj disertacioj. Ŝia stilo montriĝas per la signo de la strebado serĉanta la esencojn pri filozofio kaj poetiko, kaj du el

ŝiaj unuaj verkoj "Filozofio kaj Poezio" kaj"Pensado kaj Poezio", publikigitaj en 1939, fidele reprezentas tiun linion, ŝian celitan volon al studado kaj rezonado de propraj ideoj lokitaj en tiuj parametroj, kiujn ŝi profundigis dum longaj jaroj da inteligenta laboro.



Maria Zambrano.-

Ŝia filozofia pli profunda pensado rezonadas ĉirkaŭ ŝia centra ideo pri "la origina penso iranta al la renkontiĝo de sia propra origino,kiu descendas al la radiko de la propra esenco kaj tie serĉas ĝian rezonadon". Sed, ĉu ekzistas ia ajn disciplino, sistemo aŭ vojo kiu ebligas nin reveni al la origino de nia penso,de nia propra esto?. María Zambrano pensas, ke ne ekzistas tiu vojo, nur la intuo aŭ certa scisoifo kiuj impulsas nin esplori en la originojn, en nia kondiĉo de loĝantoj de universo, kaj tie trovi eksplikon al niaj demandoj. La veroj kontrastitaj aperantaj en la respondoj al tiuj demandoj, helpas nin kompreni aliajn pensojn, kiuj en aliaj momentoj estis neeksplikeblaj. Tiamaniere -ŝi pensas- komenciĝas tiu vojo, kiu nin enkondukas al la origina spaco, fundamenta pri la tuta sciado.

En sia verko "La Hispanio de Galdós", María Zambrano esprimas tre interesan tezon pri la verkoj de Cervantes kaj Galdós, kiun ŝi difinas per du konceptoj:"la soifo pri la esto" kaj "la avido pri realeco". Ambaŭ starigas simbolajn signifojn pri la verkado de tiuj du gigantoj el la hispana romanarto.

María Zambrano, avida pri scio, rafinita sciencistino kaj verkistino senlaca, restis ekzilita pli ol 40 jarojn, kaj dum epoko, kiam la virino apenaŭ estis aŭskultata en sciencaj medioj, kaj la viro akaparis ĉiajn ĉefajn rolojn, ŝi sciis esprimi en ĉiu momento sian opinion sendependan kaj solidan, kaj cetere iĝi respektata kiel inteligenta intelektulino, kiu dediĉis sian vivon al la scio kaj metis tiun scion je la servo de la ceteraj homoj. En 1988 ŝi estis la unua virino ricevinta la premion "Cervantes",la plej altan distingon ekzistantan nun en Hispanio por premii la grandajn verkistojn.

Kiel kutime oni skribas, kiam forpasas intelektulo "la morto nur forprenis la parton fizikan de la homo,ĉar lia verkaro ankoraŭ vivas", sed en tiu ĉi kazo pri María Zam-

brano la signifo de la paragrafo akiras specialajn verdirajn akcentojn, unue, ĉar la abunda kaj grava verkaro de Maria nur malfrue kaj parte alvenis al la manoj de la hispanaj legantoj, cetere ĉar la profundeco de ŝia talenta filozofia pensado postulas certan tempon por esti ĝuste kaj ĝisfunde komprenita.

Ripozu pace la granda pensistino!

Antonio Marco Botella

****** ****** ******

# LEGINDAJ RAKONTOJ

## LA INFANO KIU REKOLEKTIS LA BULJONON.

Estis foje infano, kiu kunportis la tagmanĝon por sia patro laboranta en la kamparo. La vojo estis tre longa, ĉar la patro iom foris, kaj la infano, ankoraŭ ne manĝinta, baldaŭ eksentis la grumbladon de sia malplena stomako kaj klopodis distri sin per kantado, tamen sensukcese. Do, tute nevole, la dekstra mano de la infano enŝoviĝis en la korbon, kiun li kunportis ĉe la maldekstra brako, deŝiris iom da pano, eltiris pecon de la frikasita viando kun terpomoj, kaj enbuŝiĝis la bongustaĵon.

Laŭlonge de la vojo ade li eltiris kaj manĝis pecetojn de la viando kaj terpomojn el la frikasaĵo, kiun li kunportis por la patro; ĝis fine, malgraŭ ĝisfunda priserĉo, li ne plu trovis ion solidan en la poto. Do, li lekis sian manon kaj suĉis la fingrojn.

Tiam li ekkonsciis sian misfaron kaj ekploris, parte pro pento, parte pro timo al la reago de la patro, kiu atendis lin jam tre proksime sur la kamparo.

Kun lanta paŝo kaj torenta plorado, la infano aliris la patron, kiu laŭte pridemandis lin:

-Kio estas al vi? Kial vi ploras?-

Sen respondi, kaj ankoraŭ ploranta, la infaneto alvenis ĝis la patro, kiu senĉese demandis:

-Kio estas, nu, kio estas, diru kial vi ploras?

Kaj la infano, transdonante la korbon, diris plorsingulte:

-Ve al mi... falis la korbo kun la manĝo, kaj mi povis rekolekti nur la buljonon!

Tradukis:Liven Dek

****** ******



# KAJ LA MILITO PLUAS

*Al la Okcidentaj demokratioj, dank' al kies fervora partopreno en la Milito ĉe la Persa Golfo Kuvajtio fine revenos de sub la krudaj botoj de Sadam sub iliajn delikatajn plandojn, kaj dank' al kies hontinda sindeteno en nia enlanda milito (1936-1939) Hispanio falis en la manojn de faŝismo; al la t.n."vivdefendaj asocioj", kies foresto de ĉiuj milit-rifuzaj aranĝoj igis min pli klare kompreni ilian noblan celon: kontraŭstari abortigon, ĉar, se male, oni senigus multajn homojn je la honoro perei buĉitaj en batalo.*



*Januaris. Oni enŝlosis bondezirojn kaj ridetojn juvelujen. Zorge. Venontjare frue venos plue. La Okcidentaj stratoj ĉesis lampioni, kaj Bagdado ekscintilis -"Bagdado kristarbe iluminita!"-, Bagdado iĝis la fonto de ĉiaj fulmoj, la centro de ĉiaj tremoj, videoluda celtabulo por frivolaj pilotoj -"Bagdado kristarbe iluminita!"-,universala ŝriko ĉe la gorĝoj de la vivamantoj: la milito!*

*Hispanio ellitiĝis alkroĉita al riceviloj radiaj kaj televidaj. Nervoza. Ĉi tie la vorto "milito" enhavas apartan afekcian ŝarĝon, revekas ne tro intajn koŝmarojn, terurajn fantomojn ne plene spongitajn en nia kolektiva subkonscio. Superbazare oni hamstris. Eĉ pri olivoleo! Palpeblis streĉiteco kaj konfuzo. Nin ne tanĝas la milito, emfazis niaj regantoj. La hispanaj fregatoj kaj korvetoj, ĝisholde armitaj, navigadas al la Golfo pac-misie. Jen vi havas! Kia stulta pilolo por la komunaj civitanoj! Kia fiaĵo al simplaj soldatoj -novicoj de la mararmea kontingento!*

*Pli poste, kiam oni eksciis, ke ĉiutage eskadroj el la B-52 masakrantaj irakajn civilulojn provizas sin, ekflugas el la usona aerbazo en Morón (Sevilo), eksplodis ĝenerala indigno: ni kaŝe kaj ĝisoste engaĝitaj en la konflikton! Kaj studentoj, laboristoj, dommastrinoj, pacifistoj, konscien-cobĵetantoj, plej diversaj kolektivoj manifestacie eksputadis sian naŭzon al la milito, al ĉiuj militoj.*
*Sed registaroj surdas. Surdas dio kaj alaho kaj javeo, atutoj*

*perfektaj por pravigi, por doni sencon en la ĉielo al ajna barbaraĵo sur la tero. Kaj la milito pluas. Ĝis kiam? Stuporaj, tagon post tago ni ĉeestas makabrajn spektaklojn el CNN-televidĉeno: militestroj fiere klarigas la uzitajn strategiojn, entuziasme prikrias siajn varojn, siajn Scud- kaj Patriot-misilojn, siajn "inteligentajn" mortigilojn milimetre precizajn, senditajn por detrui la arsenalon, kiun iam ili mem vendis al la ĉiama diktatoro Sadam. Nenie la mortintoj. Kiel sciate, kadavroj stinkas, haladzas, elklikas la protesto-mekanismojn, instigas la popolojn al spitado kaj demoralizas la trupojn, kiel ĉe Vjetnamo. Ja oni ellernis la lecionon. Nenio do pri mortintoj. Prefere, pri fiagoj far la malamiko, pri la nigra tajdo, la pleja katastrofo tiuspeca el la historio: du milionoj kaj duono da tunoj da nafto enverŝitaj en la akvon de la Persa Golfo en epoko de la jaro, kiam la plimulto de la faŭno sin fordonas al reproduktiĝo. Kvazaŭ la krimoj kontraŭ la medio, de kiu ajn partio ili devenas, ne plifirmigus nin en nia rifuzo pri la milito. Kvazaŭ la nigra tajdo kapablus nebuligi la ruĝan tajdon de la sango senkulpa.*

*Kaj la milito pluas, iras jam preter la celon de UNo. Tiel, ke parto de la internacia komunumo, kiu komence legitimis la respondon de la aliancanoj kontraŭ Sadam, ekkriis jam alarmon antaŭ la sistema detruo de Irako. Unue, la franca ministro de la nacia defendado, Jean-Pierre Chevénement. Poste, la ĝenerala sekretario de UNo mem, Pérez de Cuellar. En Hispanio altranguloj ĉe la Ministerio pri Kulturo suferis eksiĝon, subskribinte dokumenton, kie ili petis milithalton, retiriĝon de la irakaj armeoj disde Kuvajtio kaj de la okcidentaj disde la konfliktareo, kaj kontrolon de la regiono far arabaj trupoj sub la UN-flago...*

*Kaj la milito pluas. Tordiĝas la animo antaŭ centoj da korpoj kalcinitaj: virinoj, infanoj kaj olduloj. Kia honto aparteni al la homa speco!*

*Kaj la milito pluas. Meze de la peĉo flagras flameto de espero: Sovetio elmetas al Irako pacproponon, kaj tiu akceptas ĝin. Oni plenumas tiel ĉiujn rezoluciojn de UNo. Tujas do la paco! Sed tamen ne sufiĉas. Endas forbalai, ekstermi la dugroŝan imperiiston, pri kies militpotenco kaj megalomanio kulpas nur Okcidento, kiu armis lin ĝiskape, kiu senskrupule kaj strategie liveras al la landoj triamondaj ne panon kaj kulturon sed batalilojn, ĝermojn de morto, kialojn de la enŝuldiĝo kaj absoluta dependeco de tiaj ŝtatoj*

*kaj de la senfina mizero de ties popoloj. Endas elsarki dornojn kaj misherbojn ĉirkaŭ Israelo, la plej taŭga cerbero de la Okcidentaj interesoj en la regiono. Endas starigi venkintojn, bonajn por reordigi la ĥaoson laŭ la mezuro de siaj bezonoj, kaj venkitojn, bonajn por pagi la harhirtigan prezon -milittagoj kostas po 60.000 milionoj da pesetoj- de la rompitaj glasoj. Endas revigligi la velkintajn ekonomiojn usonan kaj britan.*

*Kaj la milito pluas. Al la sovetia-iraka interakordo Bush respondis per ultimato. Ve al nia Mahdi-Petro! Komenciĝis la terofensivo, la domaĝita. Miloj da ĉerkoj atendas en la hispanaj-usonaj aerbazoj la senvivajn korpojn de la falontoj. Kaj Eŭropo perdis sian animon. Eŭropo nur papagumas, gurdas la melodion de sia mastro. Povra Eŭropo!*

*Kaj la milito pluas. La plurnaciaj taĉmentoj ĵus rekonkeris Kuvajton, forpelis la trupojn de Sadam ekster Kuvajtion, sed la milito pluas en la iraka teritorio! Gorbaĉov avertas, ke la pulvo-barelo de Proksim-Oriento povas igi la mondon dissalti. Kaj la milito pluas! Nur Usono, kiu enfermis la liberon en statuon, kiu responsas pri la atomaj hekatomboj ĉe Hiroŝimo kaj Nagasako, kiu invadis Granadon, Panamon ktp., kiu subtenis la nikaragvan "la contra" kaj plej reakciajn diktaturojn, havas, laŭ sia prezidento, la "moralan staturon" por starigi "novan mondan ordon"!*

*Jen mi ĉeestas, konsternita, la mortaŭroron de la nova erao.*

*Kaj la milito pluas!*

*Miguel Fernández Martín.*

****** ****** ******

## Bonvolu ridi... sed ne tro!



Anekdoto pri bongusta kiso.- Veturas trajne en sama kupeo belega junulino kune kun sia patro, soldato kaj pastro.

La trajno ekpasas tra fervoja tunelo kaj tuj fariĝas absoluta nigro, ĉar la elektra lumo ne funkciis. Subite aŭdiĝas sonora kiso kaj preskaŭ simultane ne malpli sonora vangofrapo. La trajno trapasas la tunelon, kaj la taglumo revenas. Ĉiuj homoj en la indikita kupeo tute silentas, rigardas unu la alian aŭ la plafonon, simulante ignori tion, kion ĉiu aŭdis, kaj tamen penas ŝajnigi, kvazaŭ nenio estus okazinta.

# Bonvolu ridi... sed ne tro!

La patro pensas: -Kian teruran vangofrapon donis mia filino al la soldato!-
La soldato samtempe ankaŭ pensas: -Sonora vangofrapo far la belulino al la pastro!-
Kaj la pastro deduktas: -Tre bona vangofrapo far la patro al la soldato!-

Fine, la knabino suspiras kaj plaĉe konkludas: -Bonan vangofrapon mi donis kaj plej dolĉan kison mi ricevis! Kial ne ripetiĝos sama incidento?-

Intertempe la kunvojaĝantoj daŭre silentas kaj rigardas unu la alian. Tiu kiu donis la kison ankaŭ ricevis la vango-frapon, sed verŝajne la kiso estis tiel dolĉa ke li konsideris ĝusta la pagon...eble eĉ li ne rimarkis,ke li mem estis la paginto. Ho, mistero de la junaj koroj!

****** ****** ******

Logika rezonado.- Du amikoj konversacias kaj unu diras la alian: -Mi edziĝos nur kun knabino bela, riĉa kaj stulta!-
-Kial stulta?- respondis la alia.
-Ĉar se ŝi ne estas bela kaj riĉa mi ne edziĝos kun ŝi; kaj se ŝi ne estas stulta certe ŝi ne edziniĝos kun mi!-

La logiko ŝajnis tute neriproĉebla.

****** ****** ******

Grava eraro.- Eniris en apotekon maljunulo, kiu apenaŭ povis paroli skuite de fortega tusado. Li pene pe-tis de la apotekisto siropon por mildigi la tusadon.
La juna apotekisto estis en tiu momento gape parolanta kaj ŝercanta kun bela knabino kaj tute senzorge servis al la maljunulo per flakono. Post du horoj la maljunulo revenis al la apoteko kaj tute kolera, kvankam sufiĉe mallaŭte, diris al la juna apotekisto: -Vi estas stulta fuŝulo kaj tute nese-rioza profesiulo ĉar vi servis al mi per laksiga siropo ansta-taŭ per medikamento kontraŭ la tusado!- Tio estas ja nepardo-nebla eraro!. Sinjoro! -diris la juna apotekisto- Mi multe bedaŭras tion, tamen mi konstatas, ke vi ne plu tusas...-
-Certe, mi ne kuraĝas!-respondis la malfeliĉa viro.
Niaj legantoj bone komprenas,kial la maljunulo ne kuraĝis tusi!.

****** ****** Kolektis Mª FERNANDA ******



# A. BAREA, VERKISTO DE LA EKZILO



Estis multaj la verkistoj kiuj lasis Hispanion en ekzilon post la fino de la interna milito. Inter ili Arturo Barea elstaras kiel verkisto de la ekzilo, ĉar, kiam li foriris Hispanion, ankoraŭ li ne aperigis eĉ unu libron; fakte, kiam la unua verko de li aperis, Barea jam loĝis en Francio. Lia literatura produkto ne estis granda, oni dirus magra, sed la tuto kreiĝis ne nur for de Hispanio sed for de hispan-lingva etoso. Generale la ekzilitaj verkistoj moviĝis en hispan-lingva medio, sed ne li, kiu loĝis kaj verkis en Britio, izolita de tiu medio. Pro tio la verkoj aperis en la angla antaŭ ol en la hispana, t.e. en traduko antaŭ ol ili aperis en la originala lingvo. La tri libroj, kiuj formas la ĉefan verkon de li, la aŭtobiografia trilogio "La forĝejo de ribelulo", aperis en Britio inter la jaroj 1941 kaj 1946, dum la hispana versio aperis nur kvin jarojn poste en Buenos Aires.

Arturo Barea naskiĝis en Madrido en 1897. Lia patro mortis kiam li estis ankoraŭ infano, kaj, post malfacila infanaĝo li studis en kolegio religia, iris kiel soldato al la milito ĉe Maroko, havis postenon en banko, fine malfermis propran oficejon, edziĝis kaj havis familion. Dum tiuj jaroj li ne verkis, kaj, se la interna milito ne eksplodus en 1936, eble ni neniam estus aŭdintaj pri li, ĉar li maljuniĝus kiel multaj aliaj etburĝoj havante komfortan apartamenton, tolereman edzinon, gefilojn, kaj, ĉar sufiĉe riĉa, amantinon kun kiu ĝui la somerajn semajnfinojn en Madrido, dum la familio feriis en la kamparo. Sed la eventoj kiuj komenciĝis je la 18a de Julio 1936 ŝanĝis lian vivon kiel tiujn de multaj aliaj homoj.

Frue dum la milito Barea akiris postenon en Radio Madrido, kie li legis artikolojn kaj informojn por levi la spiriton en la fronto kaj de la loĝantoj en la urbo. Komence de 1937 li konatiĝis kun Ilsa, aŭstra ĵurnalistino kiu alvenis Madridon por raporti pri la milito al eŭropaj ĵurnaloj kun maldekstraj tendencoj, kaj enamiĝis al ŝi. Antaŭ la fino de la jaro ambaŭ lasis Madridon voje al Barcelono. En Februaro 1938 ili ricevis permeson por vojaĝi al Francio kaj, fine, al Anglio. Dum ili aranĝis la paperojn por foriri el Hispanio la libro "Valor y Miedo" (Kuraĝo kaj Timo) estis akceptita de "Publicaciones Antifascistas de Cataluña", kaj rilate al ĉi tiu akcepto Barea diras en la libro "La Flamo": "Estis bone scii ke iom da mi restis en la lando".

Mi renkontiĝis kun Arturo Barea en Londono, dum printempo 1942, kiam mi laboris kiel juna ĉiofarulo en la oficejo de la literatura revuo"Horizon". Li ne loĝis en la ĉefurbo sed en malgranda vilaĝo ne malproksime de Oksfordo por eviti la aerbombadojn germanajn. Je tiu tago li venis al Londono por negoci pri la eldono de la dua parto de la trilogio "La Vojo" kaj

trafis la okazon viziti nian oficejon, ĉar li volis interesi la redaktoron de "Horizon" pri artikolo, kiun li verkis, titolita "Lorca: la poeto kaj lia popolo". Kiam li sciis, ke mi estas hispano, li komencis paroli al mi. Cyril Connlly, la redaktoro, ne troviĝis en la oficejo, do dum pli ol 45 minutoj mi aŭskultis lin, kiu fumis senĉese, kaj inter la fumoblovoj li diris, kiel grave estis ke la hispanaj verkistoj en ekzilo konservu la valoron de la hispana literaturo, ĉar en Hispanio, tiam, neniu verkis ion gravan, kaj post la fino de la mondmilito oni devus reporti al la nova hispana demokratio la perditajn valorojn kulturajn. Li ne estis la nura hispano kiu en ekzilo parolis tiel, maniero kiun mi trovis pompa kaj absurda, ĉar ne ekzistis eĉ etan indikon, ke Usono kaj Britio forigos Franco-n kiel ŝtatestro, se li restus neŭtrala. Dum li parolis, li montris al mi ekzempleron de "Valor y Miedo", kiun li kunportis por donaci aŭ prunti al la redaktoro Connolly. La libro estis presita sur malbona grizeca papero, tipa produkto de tiuj tagoj en Katalunio. La libro estis kolekto da legaĵoj, kiujn li disaŭdigis per Radio Madrido. Lin ĝenis, ke neniu interesiĝis pri ebla eldonado en la angla, sed li ne menciis, ĉu iu jam tradukis ĝin.

Tiam envenis la redaktoro, kaj tiu diris al mi: "Bueno, adíós chaval, mi sendos al vi subskribitan ekzempleron de mia libro". Ĉar mi ne ricevis libron, mi ne scias, ĉu li aludis al la jam eldonita "La Forĝejo", al la ankoraŭ neeldonita "La Vojo" aŭ eĉ al "Valor y Miedo".

Kiamaniere li kaj la nova edzino Ilsa, kiuj geedziĝis du semajnojn antaŭ la forlaso de Katalunio, envenis Britio, mi ne scias, kaj li ne klarigas tion en la trilogio. Evidentiĝis al mi, dum lia monologo, ke li amikiĝis kun francaj kaj anglaj verkistoj dum la Internacia Kongreso de Verkistoj, kiu okazis en Valencio kaj Madrido en 1937, kaj sendube ĉi tiuj amikoj helpis lin kaj la edzinon atingi Britio.

La unua libro de Barea, kiu aperis en Britio frue en 1941, estis "Struggle for the Spanish soul" (Lukto por la hispana animo), rapida analizo pri la hispanaj politikoj ĝis la triumfo de Franco. La libro estis tradukita de bonkonata amiko de la Respubliko, Peter Chalmers Mitchell, li mem verkisto pri naturscienca libroj. Ci tiu libro neniam aperis en la hispana. Eble pro tio ĝi ne aperas en la tri bibliografioj hispanaj pri Barea kiujn mi vidis. Baldaŭ poste, en la sama jaro, aperis "La Forĝejo" en angla traduko fare de Chalmers Mitchell, unua libro de la trilogio aŭtografa, kiu portis antaŭparolon de la tradukisto; ĉi tiu antaŭparolo neniam aperis en hispan-lingvaj eldonoj, bedaŭrinde, ĉar en ĝi troviĝas eroj pri la vivo de Barea ne menciitaj en la libroj de la trilogio. "La Forĝejo" ricevis grandan aklamon en Britio, kaj la eldonistoj baldaŭ premis la aŭtoron pri la fino de la promesita dua parto,"La Vojo". "La Forĝejo" rakontis la vivon de Barea de la infanaĝo, ĝis kiam oni vokis lin por iri al la milito ĉe Maroko. En 1943 aperis la dua parto,"La Vojo", en traduko de la edzino, Ilsa Barea. La libro estis bone



akceptita sed ne kun la aklamo de la antaŭa, eble tion kaŭzis la enhavo, ĉar ĝi rakontis la aventurojn de la aŭtoro en Maroko dum la milito tie, milito nekonata en Britio kaj sen la allogo de juna infano en la Hispanio de la komenco de la jarcento. En 1946 aperis la tria parto,"La Konflikto", en la angla, sed titolita "La Flamo" en la posta hispana versio, ankaŭ tradukita de Ilsa Barea. Ĉi tiu libro pritraktas la jarojn 1936 ĝis 1939, kiam li kaj la edzino venis en Britio. La libroj aperis unuope en la hispana, eldonitaj de Losada en Buenos Aires en 1949. De tempo al tempo epizodoj en la libroj estas iom romanecaj kiel,ekzemple, la trapaso de la landlimo en Francion, kiam preĝeja horloĝo sonas la dekduan, precize la horon kiam la permesiloj eksvalidiĝis.

Dum la presado de "La Konflikto" li preparis la manuskripton pri "Lorca, la poeto kaj lia popolo", kiu unue aperis felietone en "Horizon" kaj poste, ampleksigita, kiel libro; ambaŭ felietono kaj libro aperis en traduko fare de la edzino. Kiam ĉi tiu verko aperis, en Britio ankoraŭ estis malmultaj studoj pri la poeto, kaj, eble pro tio, ĝi estis bone akceptita. Hodiaŭ, kiam ni havas multajn pli profundajn studojn, ĝi aperas iom surfaca. En Januaro 1946 mi aŭdis de konatulo, kiu ankoraŭ laboris en la oficejo de "Horizon" ke *Barea estis tre okupata reverkante* "La Forĝejo"-n en la hispana, kun helpo de la angla traduko, pro perdo de la originala manuskripto;eble la morto de Chalmers la antaŭan jaron povus esti la kaŭzo de la perdo. Marra-López en sia libro "Narrativa española fuera de España" ankaŭ asertas, ke Barea devis reverki la hispanan originalon pro perdo de la manuskripto. Eble ĉi tiu reverkado kaŭzis paŭzon antaŭ la apero de "Rompita radiko" en 1952, romano kiu ankaŭ debutis en la angla antaŭ ol en la hispana. En ĝi ni trovas detalojn, kiuj devenas de la vivo de la aŭtoro. Esence ĝi rakontas viziton al Hispanio de ekzilito, kiu loĝis en Londono dum dek jaroj laborante kiel kelnero, enamiĝis al anglino, kaj ili kunloĝas kiel geedzoj. Li reiras al Madrido kaj trovas sin kiel eksterulon kaŭze de la grandaj ŝanĝoj, kiuj okazis en la lando, dum li loĝis en Londono; eĉ la familio ne bonvenigas lin, ĉar oni opinias, ke ili estis forlasitaj de li, kaj la patrino sola devis antaŭenirigi la familion. En la libro la detaloj pri Madrido de 1950 ne ŝajnas aktualaj kaj la epizodo de la bordelo ne estas kredebla kiel reala de tiu tempo sed kiel, *eble, memoraĵo de aventuro* lia dum la junaj jaroj, fakte ĝi similas al priskribo en "La Forĝejo"; ankaŭ la amantino komprenema de Londono memorigas al la leganto pri la amantino kiun li renkontis en Madrido kaj fariĝis la dua edzino kaj kun kiu li loĝis feliĉe apud Oksfordo.

Barea neniam reiris al Hispanio post la forlaso en 1938 kaj pro tio li ne konis la vivon en la lando dek jarojn post la triumfo de Franco. Ankaŭ loĝante en komforto en angla vilaĝo li ne spertis la vivon de ekzilito laboranta en Londono kiel kelnero nek konis la ŝanĝojn kiujn la jaroj de ekzilo portis en la kapon de tiuj, kiuj ne vivis tiel komforte."Rompita radi-

diko" ne havis sukceson nek en la angla nek en la hispana. Li ankaŭ verkis, en kunlaboro kun la edzino Ilsa, mallongan libron "Unamuno, kritika studo", eldonitan denove, unue en Britio kaj poste en Argentinio.

Arturo Barea mortis en Britio en Decembro 1957, kiam nur 60-jara. La jaron antaŭ sia morto li vojaĝis tra Sud-Ameriko, sed ne reiris en Hispanion. En Britio li restis ĉe la rando de la pluraj grupoj de ekzilitoj, sed konservis rilatojn kun anglaj verkistoj de mildaj maldekstraj opinioj, kiuj estimis lian prozon, aŭ por pli bone diri, lian tradukitan prozon, kaj li estis helpata de du bonaj tradukistoj: Chalmers Mitchell unue kaj Ilsa Barea poste.

Li nomis la trilogion "La Forĝejo de ribeluloj", sed en ĝi ni ne trovas signojn de ribelo, nur iujn mildajn, kiujn oni povus diri de ribelo, tamen ĝi estas leginda kaj la populareco de la libro evidentiĝas, kiam ni vidas la plurajn eldonojn fare de Losada. Estas tiu trivoluma aŭtobiografio, verkita for de Hispanio, izolita de hispana medio, kiu donis al li famon kaj faras lin la verkisto de la ekzilo, ĉar sen tiu ekzilo Arturo Barea neniam sukcesus iĝi verkisto.

Amador Diaz Elizalde.

***** *****

Bibliografio: "Valor y Miedo", Barcelono 1938.
La jenaj libroj, unue eldonitaj en la angla akordiĝas kun la listo en la katalogo pri kopirajto de la Biblioteko de la Brita Muzeo, Londono: "Struggle for the Spanish soul"(Lukto por la hispana animo),trad. de Chalmers Mitchell, Londono 1941.
"The Forge"(La Forĝejo),trad. de Chalmers Mitchell, Londono 1941.
"The Track"(La Vojo), trad. de Ilsa Barea, Londono 1943.- "The Clash"(La Konflikto), trad. de Ilsa Barea, Londono 1946.- "Lorca,the poet and his people"(Lorca,la poeto kaj lia popolo) trad. de Ilsa Barea, Londono 1944.
"The Broken Root"(Rompita radiko),trad. de Ilsa Barea, Londono 1951.
"Unamuno, a critical study"(Unamuno, kritika studo),kunlabore kun Ilsa Barea, Cambridge 1952.- "The forging of a rebel"(La forĝejo de ribelulo),trad. de Ilsa Barea, New York 1946.

---

## Administra angulo



En la Redaktejo de tiu ĉi gazeto en Zaragozo pagis siajn respektivajn abonkotizojn jenaj gek-doj: J.Benito Cedo, V.Ortiz Gratal, Mª Fernanda Onde, M.Gutierrez Aduriz, Carme Llapart, Rafael Margalef, E.Piquero Vazquez, M.Aguado Jerez, Sociedad Esperantista Tenerife, Llibertat Calap, José Vidaller, al tiuj pagoj oni devas aldoni tiujn de la HALE-membroj kaj la pagintoj en Sabadell kaj Seviljo. Koran dankon al ĉiuj!

# La movado en kaj ekster Iberio

Sovet-Unio.- Tri junaj rusaj studentoj deziras labori en Hispanio dum unu, du, tri monatojn kiel manlaboristoj por praktiki la hispanan lingvon. Ili petas helpon al geesperantistoj por trovi entreprenon tiucele. Adreso: Dmitrij Lisenko; ab.ja. 73.-u. Voljskij, 30. VOLGOGRADSKAJA obl. USSR.404130.

****** ****** ******

Zaragozo.- ĈU ŜAK' ESTAS ŜOK'? Nepre ne!, se vi, amanto de ŝakludo koresponde, deziras praktiki internacian ludon per la internacia lingvo, kontraŭ ĉipa kotizo, aliĝu al EŜLI (Esperanta Ŝaka Ligo Internacia). Peranto en Hispanio: Miguel Angel Martín; Asín y Palacios, 28-B, 7º A.-50009 ZARAGOZA. (Hispanio) DO ŜAK' ESTAS ŜIK'!.

****** ****** ******

Malago.- Esperantaj Labortagoj. Jen la ĝenerala titolo, per kiu A.E.U. (Andaluzia Esperanto-Unuiĝo) invitas la esperantistaron partopreni serion da debatoj kaj aranĝoj disvolviĝontaj de la 7a ĝis la 13a de Oktobro 1991 en "Residencia Cristo Rey (Torokso. Malago) ĉirkaŭ la ĉeftemo "La varbado de esperantistoj". Kaj tial, ke laboro kaj ĝuado de la andaluzaj vidindaĵoj akordigeblas, ĉiuj havos la ŝancon turismi de la 7a ĝis la 10a. Pliajn informojn petu de: Andaluzia Esperanto-Unuiĝo. Poŝtkesto 864.- 29080 MALAGA.(Hispanio).

****** ******




Sabadell.- En tiu ĉi urbo, diversaj societoj periode kutimas elekti sian kandidatinon por konkursi al la titolo "Pubilla de Sabadell", prioritate aljuĝata al fraŭlino, kiu laŭ la juria kriterio posedas plej altan gradon de kulturaj dispozicioj. Tiucele, en Februaro de la nuna jaro, la loka Delegacio de la "Kultura Asocio Esperantista"(KAE) elektis la 18-jaran esperantistinon Montserrat Figueras Torres, universitatan studentinon, "Pubilla de l' Esperanto", kies foto aperas tute apud al ĉi tiuj linioj.



# El la hispana klasika beletro: Fernando de Herrera

Brila poeto jam nomita de siaj samtempuloj "la dia". Naskiĝinta en Seviljo, kie li ĉiam loĝis, li dediĉis sian tutan vivon al studado kaj al poezio. Prave oni rigardas lin kiel la plej fidelan reprezentanton de la sevilja skolo, ĉar li sciis esprimi kiel neniu alia de ĉia epoko, la esencajn karakterizojn de la poezia esprimo andaluza: lumon, muzikon kaj koloron.

Liaj erotikaj poemoj-kanzonoj, elegioj, sonetoj pritraktas ĉiam amajn temojn, kiujn li idealigas, influita de sia platona amo al la grafino de Gelves, aperanta en liaj poemoj sub la nomoj: (1) Aúro, Lumo, Fajro, Stelo, k.a. Jen soneto montranta la indikitajn karakterizojn:



Ruĝ-flava sun',brilanta kiel flamo,
vi purpurigas bele la ĉielon;
ĉu trovis vi sur ter'pli grandan belon
similan al la Lum'(1) de mia damo?

Tenera Aúro (1), milda kiel amo,
freŝdona flug' havanta kiel celon
nin luli, kiam kovras mian helon
mallum', ĉu haroj vekis pli da famo?

Luno, honoro nokta, moŝta ĥoro
da fajroj supre vagirantaj rave,
ĉu vi vin sentis inter tiuj Steloj?(1)

Purega Aúro, Suno, flam' el oro
ĉu vi aúskultis miajn plendojn prave
kaj vidis Lumon kun pli da krueloj?

Herrera uzas en sia poezio ĉiajn kultismajn rimedojn por esprimi poezion nevulgaran; por atingi tion li poluras la lingvon, uzas latinismojn kaj belajn metaforojn, serĉas muzikajn vivkolorajn efektojn, kies onomatopeajn akcentojn nuancas liaj versoj de sonora beleco. Resume, li celas kaj atingas la kreon de rafinita mondo regata de amo, kiel oni povas konstati en la sekvanta poemo:

Nur de okuloj mildaj kaj serenaj
pleniĝas mia kor' kaj miaj pensoj,
nur pri beleco zorgas miaj sensoj
kaúzo de miaj maltrankviloj ĝenaj.

Nur kaptas min ligon de amoj plenaj
al vent' ĵetitaj en orfaskaj densoj,
nur venas al mi el grandec' kompensoj
al la turment' kaj am' riĉig-kortrenaj.

Aúskulti voĉon aú alian amon
mi tute ne intencas nek sopiras,
ĉar ne ekzistas gloro pli valora.

Se scius mi, ke perdi mian damon
signifas perdi ŝin se mi foriras
lasu min Di' sen amo tiom vora!

Poeto de la lirika amo kune kun aliaj rimarkindaj pri-patriotismaj, li publikigis ankaú unu el la plej majstraj verkoj de tiu epoko pri la teorio de la beletra stilo. Kiel historiisto li ankaú elstaris: li estas aútoro de interesaj verkoj: "Laúdo pri vivo kaj morto de Tomas Moro", "Rakonto pri la Cipra milito kaj batalo ĉe Lepanto","Historio pri faktoj ĝis Karlo 5a" kaj aliaj.

Antonio Marco Botella.

***** ***** *****

(1) Aúro: (el la latina auram)= milda karesanta vento. Nomo de la filinoj de Eolo, kiuj reprezentas la ventojn mildajn (ili aperas rajdantaj sur cignoj) En PIV:sensaĵo anoncante al malsanulo lian baldaúan atakon de epilepsio,k.a.

***** ***** *****



# Leteroj el niaj legantoj

## *KIU PRAVAS -ANTONIO AŬ EMILIJA?*

*Leginte la leteron titolitan "Stopu lavangon da pseúdo-artikoloj" el la plumo de Antonio Alonso Núñez,(Kajeroj el la Sudo, 8/1990, pĝ.14-15), mi sentis nerezisteblan impulson respondi, ne kun la celo polemiki kontraú la estimata prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio, sed por purigi la atmosferon de la fumo rezultanta el lia fajreca atako kontraú mi kaj miaj verkoj. Unue, estas necese ĝustigi faktojn,kiuj povas misgvidi legantojn. S-ro Alonso grave misprezentas, kiam li skribas "Li hungaro" (pĝ. 14). Estas ja vaste sciate en Esperantujo, ke mi ne estas hungaro sed usonano loĝanta en Hungario. Poste Alonso Núñez skribas pri miaj kritikoj:"Ĉu ili estas pravaj aú ne". Per tiuj vortoj li ĵetas ombron da dubo sur la objektivan bazon de miaj analizoj de la Esperanto-Movado kaj ĝiaj anoj. Se li havas atestaĵojn, ke mi iam falsis donitaĵojn aú fikcie priskribis historian okazintaĵon, kial li ne elpaŝis kun ĝustigaj informoj anstataú aludi pri malpraveco? Kun rilato al la specifaj plendoj de S-ro Alonso, mi*

*povas nun informi lin, ke ne nur mi maltimas montri, ke la lingvouzo de la prezidanto de la Akademio de Esperanto ne estas perfekta kaj ke lastatempe ĝi estas karakterizita per francismoj. Ne nur mi taksis Tibor Sekelj kiel verdan revemulon, kiu elcerbigis pli da grandiozaj projektoj ol li kapablis plenumi. Kaj Jorge Camacho, kiu certe scias pri miaj kritikoj, kaj mem estas polemikulo, ĝis nun ne eligis eĉ pepeton por defendi sin. Kiu silentas, konsentas. Mi analizis ĉiujn aspektojn de la demando pri "ci/vi", inkluzive la sociologian fonon, sed bedaŭrinde, S-ro Antonio Alonso ne konas tiujn verkojn. Mi scivolas, ĉu li kapablas klarigi, kial "ci" neniam enradikiĝis en Esperanto. Fine, Alonso Núñez mi ne estas lingva geniulo. Kiel, do, li klarigas, ke miaj prilingvaj studaĵoj estis premiitaj en internaciaj konkursoj, kaj en la Akademio de Esperanto la plej aktiva sekcio estas tiu pri Ĝenerala Vortaro, kies direktoro mi estas? Ĉu li ne scias, ke miaj aŭtoritataj prilingvaj artikoloj estas cititaj fare de aliaj esperantologoj?*

*Nu, tiuspeca draste draŝanta opinio-esprimo, kiu venis de S-ro Alonso, ne estas unikaĵo. Kiu publikigas dekon da artikoloj ĉiumonate -ne nur "pseŭdoartikolojn" sed ankaŭ esperantologiajn kaj kulturhistoriajn eseojn, recenzojn, novelojn, teatraĵojn kaj ankaŭ leterojn al redakcioj- devas realece akcepti la fakton, ke ne povas okazi unuanime favora pritakso de ĉiuj verkoj. Venas laŭdoj kaj ankaŭ mallaŭdoj. Ĉi-lastaj pli oftas, ĉar homoj, kiuj ne toleras malsamajn opiniojn ĉe aliaj, aŭ kiuj estas supersentivaj pri honesta kritikado de fuŝaĵoj en la Esperanto-movado kaj mispaŝoj de movadanoj, provas balai la malpuraĵojn sub la tapiŝon kaj sufoki publikigon de la vero. Konata esperantisto, kiu okupiĝas profesie pri psikosociologia analizo de la Esperanta lingvokomunumo, klarigis al mi, ke la kaŭzo de la kalumniaj atakoj kontraŭ mi fontas el ronĝanta persona envio. Mi opinias lian diagnozon trafa, ĉar mi ne konas la mensan staton de tiuj hurlantaj"verdaj ŝakaloj".*

*S-ro Alonso Núñez proponas forĵeti miajn verkojn en paperkorbon. Mi malkonsilas al li sekvi tiun nemoralan procedon, ĉar neniu rajtas tiel trakti materialon, kiun eble aliaj volas legi. Pli racia konduto estas ne legi ĝuste tiujn pecojn, kies enhavo perturbas la spiritan ekvilibron de emocie ekscitebla leganto. Ne estas iu ajn kialo masokisme turmenti sin, ĉar, transturnante paĝojn de revuoj kaj gazetoj, oni certe trovos alispecajn legindaĵojn. Oni ne forgesu, ke "pri*

*koloroj kaj doloroj, eĉ ne akordas la doktoroj" -kaj ankaŭ la redaktoroj. Mi jam informis la redaktoron de "Kajeroj", ke se por iu ajn kialo kontribuaĵo mia ne plaĉas al li, li simple resendu la manuskripton. Pli-malpli frue mi sukcesos aperigi ĝin en alia periodaĵo.*

*Kiel mi skribis ĉi-supre, kontraŭuloj pli ofte esprimas sin laŭtvoĉe kaj per leteroj privataj kaj publikaj, dum samopiniantoj ne sentas bezonon ekpreni plumon por defendi aŭtoron. Tamen, de tempo al tempo, inter la kraĉoj venas kisoj. Jen kiel skribas Emilija Lapenna en "Inter-Monato" (3/90, pĝ. 4).: "Sinjoro Golden per sia senkompata kritikado aperanta en vere multaj esperantaj gazetoj, al pluraj ne estas simpatia. Homoj ŝatas laŭdojn, ne kritikojn, kion scias ĉiuj kritikistoj kaj recenzistoj. Sed sinjoro Golden preskaŭ senescepte en siaj kritikaj observoj pravas".*

*Jen demando por la legantoj de "Kajeroj": "Kiu pravas -Antonio aŭ Emilija?*

*Bernard GOLDEN*

****** ****** ******

# PRIHISTORIA KLARIGO

Rilate al artikolo aperinta en "Kajeroj" nº 8 sub la titolo "La unuaj hispanaj esperantistoj", mi devas klarigi al niaj legantoj, ke helpite de S-ro Azcuénaga (Santander), ni venis al konkludo pri la definitiva naskiĝloko de S-ro Joaquín Clemente de Arce Bodega. La vilaĝo estas Barcena de Cicero, (Santander). Efektive, ĝis mi vidis tajpita de S-ro Azcuénaga la veran nomon de tiu vilaĝo, mi dubis pri la signifo de ĉiu el ĝiaj literoj.

La ekspliko estas facile komprenebla: la dokumento kiun mi havas, la naskiĝateston de S-ro Arce, estis manskribita la 3an de Decembro 1849, laŭ la tiama kutimo, tio estas mane, kaj ne estis facile deĉifrebla por mi la vilaĝo, tial mi skribis Barrena kie devas diri Barcena, ĉar la litero c aperas skribita pli simila al r ol la alia aŭtenta r . Tute same okazis pri Cicero. Do, definitive, la vilaĝo kie naskiĝis S-ro Joaquín C. de Arce Bodega estas Barcena de Cicero.

Mi, sincere petas senkulpigon al niaj legantoj kaj tutkore plaĉe redankas la santanderan samideanon Juan Azcuénaga, kies helpo tiel pozitive kontribuis al klarigo de la temo. Denove, dankon al nia amiko Juan!

A.M.B.

# *Lirikaj Paĝoj*



## EL NIA NIO INTA -DU LAMENTOJ.

El nia nio inta -du lamentoj,
du nigroj dise drivi kondamnitaj,
du frostoj, du stuporoj viv-evitaj,
du ŝrikoj, du elvokoj, du turmentoj.

Kadavras plu la kor' de miaj sentoj
ĉe lipoj, sinoj, brakoj aminvitaj.
Vi serĉas min per kisoj hipokritaj
en fremdaj buŝoj, strangaj firmamentoj.

Sed lange mi saporon je vi portas,
ĉe via ventro mia varmo spuras,
feblas fiero, dum saúdado fortas.

Kaj fate, ve! kunflui stride kuras
ĉi du anksioj, kiuj disaj mortas
kaj kunaj reciproke sin torturas.

Miguel Fernández

******          *********          ******

## EL AKTUALA POEZIO.

Ĉe la rando
de la menso
ŝtelkaŝe
fuĝas penso;
kaj mi,
en ĝia denso.

-*-

Estas vorto
mensforto
tra risorto
    laringa.
Estas vorto
homforto
el retorto
    pensinga.

-*-

Liven Dek





